45 Num. ★ Madrido - Januaro - 1920  V Jaro.

# HISPANA ESPERANTISTO

ILUSTRITA REVUO MONATA

Oficiala Organo de "Zamenhofa kaj Andaluzia Federacioj„

## FELIĈAN NOVJARON

DEZIRAS **HISPANA ESPERANTISTO** AL TUTMONDA ESPERANTISTARO

Grupo Esperantista de Huesca 1920

# RAIMUNDO LÚLIO

Oni sciis, ke la mistikulo de *Palma de Mallorca*, ke la hispana filozofo kaj sciulo, estis unu el plej famaj Doktoroj de la XIII.ª jarcento, ke li faris vastajn laborojn sciencan kaj etikan, ke li publikigis multenomkrajn verkojn latine kaj katalunlingve; sed oni ne sciis, ke li estis samtempe eminenta pedagogo: oni lin konsideris pli teoriulo pri abstrakta formala skolastikismo kaj stranga alĥemiisto, ol scienco-vulgariginto kaj adaptinto la kristanan filozofion de la Mezepoko al tiama vivo.

Franco, S-ro *Patre*, publikigis libron *Raimundo Lulio kaj Ĝia Pedagogia Laboro*, per kiu la aŭtoro prezentas al ni nian samnacianon de la pedagogia vidpunkto. Por ni, Hispanoj, la honoro estas pli granda, ĉar venas de fremdulo.

Neeble estas esprimi liajn pedagogiajn ideojn ne rememorinte antaŭe liajn ĉefajn konceptojn filozofajn kaj teologiajn. *Lulio* ne uzas abstraktan metodon, li uzas la puran deduktantan; same, kiel *Roger Bacon*, *Lulio* kunigas harmonie metodon de induktanta observado kun la metodo de deduktanta elmontrado. Siajn proprajn konojn li elmontras same, kiel tiujn de alia, laŭ atingebla, objektiva kaj konkreta maniero, por ĉiuj memvolemaj homoj. Li deiras de la ĝeneralaj principoj, virtoj, kaj kvalitoj, kiujn oni trovas laŭ diversa gradigo ĉe la plej kompleksaj aĵoj kaj fenomenoj, kaj li klarigas ilian celon kaj iliajn kombinojn de ĉiuj vidpunktoj de la homa scio. Ĉi tio estas lia fama verko *Granda Arto*.

Influita de la medio, li donas religian nuancon al siaj verkoj por vulgarigi pedagogiajn ideojn; li esprimas siajn dirojn per metaforoj kaj similaĵoj laŭ preskaŭ orienta stilo: per geometriaj skemoj li reprezentas ideojn kaj iliajn kombinojn; per nombraj apologoj; per imagitaj dialogoj inter la filozofio kaj la agoj de l' animo, inter la memoro kaj la imago, ekzemple. Li uzas, multe pli antaŭe ol pedagogoj de la Renesanco, de la XVIII jarcento kaj de la modernaj tempoj, la principojn pri «edukado kaj instruado allogantaj.» Li diras en la dialogo pri la dekdu Principoj de la Filozofio: «estas necese impresi la sentojn kaj la imagon por pli bone trafi la intelekton». Li diras, ke oni devas «instrui kiel eble plej malmulte, kaj devigi elserĉi kiel eble plej multe». Unu el liaj noveloj, *Felikso la Mirigita*, estas plena pruvo pri tiuj praktikaj principoj.

Li sin deklaras, kiel sekvo de unu el siaj ĉefaj doktrinoj, partiano de progresanta instruado: ĉiuj estaĵoj de l' universo, mineraloj, plantoj, animaloj, homoj kaj anĝeloj, estas limigataj partoj de la diferencaj gradoj de l' eternaj ideoj, de superaj nekreitaj diaĵoj.

Por *Lulio*, la mineralo vivas; la planto vivas kaj sentas, la animalo vivas, sentas, sin movas, rememoras kaj krude imagas; la homo vivas, sentas, sin movas, rememoras, imagas, pensas, havas menvolemon, kaj ĉiu lia paŝo al spiriteco estas progreso al la ordo kaj boneco kaj supozas plenan regadon sur aliajn gradojn.

Ĉi tiu doktrino klarigas priokupiĝon de *Lulio* por disvolvigi la korpon de la disciplo. Estas necese havi bonajn fizikajn kondiĉojn por akiri firman moral intelektan edukon. Same, kiel *Rousseau*, *Lulio* estas profunda observemulo pri la vivo. *Blanquerna*, novelo proze katalune verkita, kaj *La Libro pri Infana Doktrino*, kiu estas malgranda pedagogia resumo destinita al lia filo, estas tre karakterizaj de tiu vidpunkto.

*Lulio* komencas sian *Blanquerna'n* elmontrante la idealan katalunan infanedukadon: kiel oni devas elekti mamnutristinon, kiajn nutraĵojn post la mamnutrada periodo, kiajn vestarojn, ĉion estas agrable pritraktanta la libro. *Blanquerna* havis sanan mamnutristinon, por ke lia kreskado estu rezultato de pure sana lakto, ĉar malsanaj kaj neboneformitaj infanoj devenas de malsana lakto. *Aloma*, patrino de *Blanquerna*, nutris sian filon nur per lakto dum la unua jaro, ĉar la infanoj tiel aĝaj ne povas toleri aliajn nutraĵojn. *Aloma* vestis sian filon tiamaniere,

ke li sentis iom da malvarmo dun vintro, kaj iom da varmo dum somero, celante ke le elementoj de la homa korpo povu harmoniiĝi.

*Lulio* estas partiano de la edukado per la Naturo, *Aloma* restigis ĉe si sian filon ĝis kiam li povis ludi kun aliaj infanoj; ne altrudis al li iri kontraŭ postuloj de la Naturo propraj de lia aĝo, kaj en Ĝin ŝi lasis lin ĝis la oka jaro. Pli bona pedagogo, ol *Rousseau*, *Lulio* ne atendas, ke li estu dekdudektrijara, por instrui sian disciplon. Kiam *Blanquerna* estis okjara, la patro ekinstruis lin laŭ reguloj de la *Doktrino pri Infana Edukado*, kiu priskribas, ke la homo devas lerni je la komenco per vulgara dirmaniero aŭ esprimmaniero.

*Lulio* verkas katalune ne nur mirindajn literaturajojn, sed ankaŭ vulgarigantajn verkojn pri scienco kaj etiko, kaj ĉi tio estas strangaĵo, maloftaĵo, dum la XIII jarcento, en kiu la lingvo por la studado estas la latina.

»Antaŭ ol lerni la Logikon latine, lernu ĝin romance; tiel vi ĝin komprenos antaŭ ĝin lerni latine.»

Li rekomendas nepre necesaj la konojn pri Retoriko kaj Medicinaj Sciencoj por koni la «higienon», kaj ĉi tio estas tre rimarkinda en la Mezepoko. Poste oni povas lerni Aritmetikon, Geometrion, Astronomion kaj Muzikon. Ŝajnas nekredeble, ke li, en tiu epoko, jam rekomendis la «manlaborojn», kiujn li nomas «meĥanikaj artoj», kaj tial nia samnaciano antaŭdiris tion, kion multe poste rekomendis *Rousseau*.

*Li estas ankaŭ proklamanta saman edukadon por ĉiuj sen diferenco pro rangoj kaj klasoj.* «La Naturo perdas per la riĉaj infanoj, kaj gajnas per la malriĉaj; la riĉuloj ne deviggantaj siajn filojn fari ion kaj edukantaj ilin en senokupeco agas por ke iliaj filoj ne sciu *rememori, kompreni* kaj *voli.*

Pri morala edukado, *Lulio* konsideras bonan «Memvolemon» fonto de ĉiaj virtoj, kaj malbonan «Memvolemon» fonto de ĉiaj malvirtoj; tial, li devigas pensadi pri sekvoj de la agoj.

*Lulio* estas antaŭulo de *Rabelais*, *Montaigne* kaj *Rousseau;* li havas pli granda meriton, ol ili, ĉar li proponis multe pli frue ol tiuj metodojn pri edukado interkonsente kun la Naturo:

Unue. Li rekomendas disvolvigi la korpon, de la lulilo, ekzercigi la korpon por ĉiuj ĝiaj kapabloj kaj «manlaboron» kiel preparadon por la instruado propre dirita.

Due. Li volas, ke la infano ricevu «progresivan intelektan edukadon», komencante «eduki la sentojn» kal la «observadon» incitante la «pripensadon» kaj grade altenirante ĝis regado de la «Memvolemo.»

Trie. Lia morala edukado sin fundamentas sur akiro de «bonaj kutimoj koraj kaj animaj», sur «higieno» evitonta «pasiojn», sur «bona direktado de la Memvolemo al fruktodona ago».

Kvare. La sentigaj kaj direktantaj esprimmetodoj estas vera revolucio pedagogia en la XIII.[a] jarcento; ili naskas kaj subtenas la atenton; ili inspiras al disciplo novajn aplikojn kaj vekas instinktajn kaj tre ĉefajn ecojn.

*Lulio*, do, ne estas alia frenezulo, alia abstrakta retorikulo. Li estas revoluciemulo kaj antaŭulo pri multaj ideoj, kaj amiko de la popolo. Ankaŭ psikologo kun delikataj kaj subtilaj instruoj.

Kiam oni parolos pri edukado konforma je metodoj Naturaj, ni rememoru *Raimundo'n Lulio* kun liaj verkoj *Blanquerna* kaj *Felikso.* Li estis profesoro en la Universitatoj de *Parizo* kaj *Montpellier* kaj en ĉi tiuj urboj li datumis multenombrajn verkojn siajn.

---

AVERTO

Kiel eble plej baldaŭ aperos la unua broŝuro el la eldonotaj por formi Libraron de HISPANA ESPERANTISTO preskaŭ senpaga por la hispanaj kaj fremdaj Esperantistoj subtenantaj la gazeton.

# NEKROLOGIO

La 19.an de lasta Novembro mortis, en Vendrell, F-ino Alberta Sanabra. Ŝi estis unu el unuaj lernantinoj de Grupo «Frateco» kaj baldaŭ ŝi fariĝis sperta samideanino, plena je fervoro kaj entuziasmo, ankaŭ ŝi multeokaze instruis sukcese Esperanton. Vendrellaj gesamideanoj perdis bonan Kunlaborantinon. Ni tutkore partoprenas doloron de la familio kaj de Vendrellaj gesamideanoj. Ni konservu dolĉan rememoron pri ŝi. Kaj ke ŝi ripozu pace!

# XIII Universala Kongreso de Esperanto

La Kongreso okazos de la 31.a de Julio ĝis la 6.a de Aŭgusto de 1921. S-rojn St. Kamaryt kaj A Pitlik oni elektis ankaŭ por K. K. K. de la XIII.a. Solena malferma kunsido okazos en la «Smetana» halo de la Reprezenta domo; laboraj kongreskunsidoj kaj akceptejo troviĝos en la Kazino sur insulo «Zofin». Okazos subkongreso de blindaj Esperantistoj pri la socia vivo kaj organizado de blinduloj sub protektorato de prof. D-ro Cart kaj estos internacia koncerto de blindaj virtuozoj kaj kantistoj. Organizas fakojn: Katolikan S-ro Zelenka; Kristanan kaj Vegetaranan S-ro Tutsch; hebrean S-ro Heller. Baldaŭ estos komunikitaj kotizaĵoj kaj la maniero kiel sendi monon. La enskriboj por Garantia Fundo estos po 100 ĉeĥoslovakaj kronoj kaj la garantiantoj nur pagos proporcie, se post la Kongreso pruviĝus, ke la elspezoj superus la enspezojn. Garantiu, gesamideanoj de landoj kun pli bona valuto!

La Geesperantistoj intencantaj deponi en Praha monon, sendu pere de kiu ajn banko al la banko «Bohemia» en Praha je konto de la XIII.a Universala Kongreso de Esperanto sian sumon en *ĉeĥoslovaka valuto.* La Kongresa monŝanĝejo elpagos ĝin al vi en ĉ-s. kronoj laŭ la kurzo de la tago de monakcepto kun procentoj. Pri la monsendo sciigu ĉiam samtempe la ĝen. sekr. de la Loka K. K.

Jam estas tridekunu aliĝintoj. Nur por prikongresaj aferoj aliĝoj ĉiuj sin turnu al S-ro S. A. Pitlik.—Nerudovanl, 40. Praha III, aldonante respondkuponon aŭ naciaj poŝtmarkojn.

Aliĝu tuj Hispanoj! Sendu monon kiel eble plej baldaŭ por profiti la bonan valuton de la peseto koncerne la ĉ-s. kronon, 10 pesetoj egalas nun 110 kronojn.

# MEMORAĴO

Ho, ve! Kara amik' malfeliĉa!
Jaron, mi ploradas vian morton!
Por bedaŭri malfeliĉan sorton
Vian, parol' estas nesufiĉa!
Bela esprimanta la parolo
Mankas al mi por la rememoro
Inda je li. Ho, la mia Koro!
Kial malsukcesas mia volo?
Nun ne havas mia fantazio
Vervon por kant', aŭ por sola diro
Pri la nia kara pioniro
De Esperant' en Andaluzio!
Kara, ho, Trinidad Soriano!
Jes; ankoraŭ restas la angoro,
Kiun kaŭzis al mi la doloro
Pro mort' via, ho Samideano!
Eĉ en mia mano tremas plumo;
Mi tre malfacile ĝin subtenas;
Cerb' ideojn vane skribi penas,
Ili tuj disiĝas kvazaŭ fumo.
Celi skribi ilin sur papero,
Ja, rezultas esti eĉ ĥimero:
Jen mi tuteplene nekapabla
Por ke estu versaj' pli agrabla.

*Julio Mangada Rosenörn*



TOMBEJO DE LA REĜOJ DE ARAGONO

Tutplene transformigita dum la Regado de Karolo III.ª

(San Juan de la Peña)

## PRI LA MONAĤEJO

# "San Juan de la Peña,,

I

De la vilaĝeto *Santa Cruz de la Serós*, preskaŭ estas necese rampi horon ĉu sur abruptaj ŝtonegoj, ĉu sur randoj de abismoj kapturnigaj, en kiuj la ŝtono piedjetita de la iranto rulas bruege; la vojeto serpentumas ĉe la bordo de l' abismo ju pli profunda, des pli oni supreniras, kun pentrindaj panoramoj. Supren, la vojeto eniras en foliplenan densan pinarbaron, kaj fojojn ŝajnas esti neeble iri pli antaŭen. Subite, tra la arbaro, vidiĝas du turoj starantaj ambaŭflanke de fasado de la nova Monaĥejo, komencita je 1675, kaj finita je 1714; konstruaĵo nerimarkinda, sed kun pentrinda aspekto pro la pejzaĝo ĝin ĉirkaŭanta. Lastajn tagojn de Aŭgusto, 1809, militistaro franca, komandata de *Suchet*, bruligis plejparte la Monaĥejon, kaj same estus okazinta por la antikva Monaĥejo kaj reĝa kaj nobela tombejoj, se la franca generalo ne estus tion malpermesinta. Postaj bruligadoj lasis parton de la primitiva konstruaĵo, alian parton rekonstruitan kaj ruinaĵojn; kaj sub protekto de absoluta soleco, musko, herbo, hedero kaj bestaraĉoj, almilitadas la Monaĥejon, inter kies muroj kaj en kies navoj, la eĥon de la preĝoj anstataŭas tiu de la renversiĝoj, tiu de la tondro aŭ tiu de la lupbleko.

Tien, funden, kvazaŭ enigita en la ŝtonego ĉe la piedo de abismo, oni vidas la antikvan Monaĥejon, gloro de Aragonlando, fiero de ĉiu Hispano sincera, ĉar li devas konsideri ĝin la vera naskiĝloko, la vera deirloko, de la Realmilito, ĉar ĉi tie la Dia Helpo ne partoprenis, kiel oni diras, ke ĝi partoprenis, en *Covadonga*; kaj tial, la gloraj kaj heroaj penadoj de la fondintoj de la granda Aragona Monarĥio apartenas nur al ilia kuraĝo.

La tradicio diras al ni kiel kaj kial la fratoj *Voto* kaj *Félix* sin lokumis en la groto de *Juan de Atarés*. La du fratoj mortis sanktaj kaj transdonis al siaj disciploj *Benito* kaj *Marcelo* tion, kion ili heredis de la unua ermito. La disciploj sekvis la instruojn de siaj Majstroj, ili starigis aliajn kapelojn kaj instruis aliajn ermitojn; tiel, disvastiĝis la famo de la rifuĝejo tra la eknaskiĝantaj regnoj de *Sobrarbe* (*Aragón*) kaj *Navarra*. La apero de la unua ermito oni supozas esti okazinta je 758, multaj opinias, ke tio okazis antaŭ la falo de la Gota Imperio. Oni kredas, ke *Voto* kaj *Félix*, kiam ili metis kronon de la nova Aragona regno sur la kapon de *Garci Jiménez* antaŭ la nobeluloj de la montaro, kaj tial ke la ermitoj konsideris lin pli kapabla regi, ol kiu ajn alia, kvankan lia nobeleco estis pli malalta, ol tiu de l' plimulto, ankaŭ starigis samtempe la Juĝiston, povon inter la reĝo kaj la regatoj, kiu estis garantio inter tiu kaj ĉi tiuj. La sankta rifuĝejo de la forkurintoj de *Pano* fariĝis kortego de regno, kiu estis povega. Ankaŭ oni opinias, ke estis dua epoko, dum kiu la kristanoj rerifuĝiĝis en la montaro pro malvenkoj, sin relokumis en la ruinoj de *Pano* kaj translokigis la ostojn de la tri sanktaj ermitoj en preĝejon, kiun ĵus estis sanktiginta episkopo *Iñigo*, gravurante epitafojn en la tombŝtonojn. Al la tomboj de la Sanktuloj alkuris fervorege piulojn kaj gentoj de ĉie. Oni opinias, ke en tiu ĉi dua epoko fondiĝis la monaĥaro, kiun organizis laŭ statutoj de *Sankta Benito*, je la fino de la x.ª jarcento, monaĥo alveninta de la Monaĥejo de *Cluni* (Francujo), nomata *Paterno*, kiun alvokis por tiu entrepreno la reĝo *Sancho el Mayor* (Sanĉo la Granda). Sub la abato de *San Juan de la Peña*, kiel aŭtoritato, funkciadis pli da sesdek Monaĥejoj de *Aragono* kaj *Navarra*, kaj pli da cent preĝejoj. La reĝoj riĉigis la Monaĥejon per sanktaĵoj, riĉaĵoj kaj privilegioj, kompense de loko por tombo en kiu eterne ripozi; kaj la nobeluloj imitis la reĝojn kaj eĉ fariĝis «*kavaliroj kaj viroj de San Juan*» per specialaj ceremonioj, konsiderante sin *monaĥoj* pro la reguloj postulitaj de la Monaĥejo, kaj ili eĉ testamentis favore por la Monaĥejo kiam ne havis legitimajn heredontojn, kaj ĉi tio ampleksiĝis an-



TOMBO EN LA KAPELO DE SANKTA VICTORIAN

(San Juan de la Peña)

kaŭ al la virinoj. Tiamaniere, la glora lulilo de la Realmilito fariĝis tombejo de heroaj reĝoj, reĝidoj kaj kavaliroj, ĝis unuiĝo de *Aragono* kaj Katalunlando; de kiu epoko, la historia Monaĥejo ekvivadis de la pasintaj gloroj, ĉar eĉ ĝiajn bienojn oni malgrandigis, je la XVI.ª jarcento, por starigi Episkopon en Jaca, kaj la reĝoj arogis al si nomi la abaton, malgraŭ ke regularo kaj privilegioj rajtigis monaĥaron elekti tiun aŭtoritaton; kaj eĉ iam, la monaĥoj mem forkuris de la respekteginda Monumento serĉante pli da komforto kaj sin lokumante en la apudan Monaĥejon pri kiu oni parolis je la komenco. Kaj tiel, de forgeso en forgeson, de forlaso en forlason, alvenis al nunaj tempoj, al ni, ofendita eĉ kripligita, sed majesta kaj impona, la plej granda monumento karakterizanta la rason.

Gigantaj rokoj trancitaj kaj elfositaj; timigaj abismoj; silento kaj kvieteco nur maltrankviligitaj de la murmureto de l' vento tra la abunda kaj belega vegetaĵaro. Tien, en grandegan kavaĵon de la tranĉita ŝtonego, kiel, el ĝia profunda internaĵo, eliĝas la glora Monaĥejo; oni ne troigus se oni dirus, ke la Monaĥejo estas kvazaŭ perlo kuŝanta sur konko ĉe vegetaĵara maro smeraldkolora.

*Julio Mangada Rosenörn*

*(Daŭrigota)*



# La Patrino de la Sankta Espero

Ĝoju la koroj, plenaj je konfido
suno, ĉielo, kaj la tuta tero;
ĝoju homar', ĉar ĝi nun estas ido
de L' Virgulino Sankta de L' Espero.

Krion, sopiron, kanton, fratan benon,
suprenirigu ni tra la aero;
ili ricevos ĉiam la bonvenon
de L'Virgulino Sankta de L' Espero.

Estas Patrino Ŝi de l' bela amo,
de la saĝeco, kaj de l' Dia vero;
al ĉiuj homoj venu la balzamo
de L' Virgulino Sankta de L' Espero.

Rozoj, konvaloj, malvoj kaj jazmenoj,
mirtoj, diantoj kaj la lonicero,
kovru la mondon per aromĝardenoj,
de L' Virgulino Sankta de L' Espero.

De matenruĝo Ŝi estas la stelo,
kiu briletas ankaŭ sur vespero,
por ke ni helpon havu sur ĉielo.
De L' Virgulino Sankta de L' Espero.

La plej belega el nuancaj floroj,
kiu nin ĉarmas dum bela somero,
ne havas ĉarmojn, kiel la koloroj
de L' Virgulino Sankta de L' Espero.

Sur ŝian kapon girlandon el mirto
mi volas meti, por ke la infero
ĉiam forkuru de l' potenca virto
de L'Virgulino Sankta de L' Espero.

Tage kaj nokte Ŝin pri nia celo
kore preĝadu, por ke en danĝero
ni ĉiam ŝirmu nin per la mantelo
de L'Virgulino Sankta de L' Espero.

Dinaskintino, ĝis la lasta horo,
nin protektadu Vi pri la afero,
por ke ni diru, ke ĝi estas gloro
de L'Virgulino Sankta de L' Espero.

Jen mi bukedon antaŭ la altaro
via prezentas, plena je mistero;
oni ĝin nomos «L' Esperantistaro»
de L' Virgulino Sankta de L' Espero.

*Pastro Mariano Mojado*




La landoj de la ĈEKOSLOVAKA RESPUBLIKO reprezentis en procentoj la sekvantan industrian povon de la tuta antikva eksmonarkio Aŭstria-Hungara:

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| Sukero........... | 92 procentoj. | Metaloj.......... | 60 procentoj. | Botoj............ | 75 procentoj. |
| Biero............ | 57 » | Karbo............ | 83 » | Papero........... | 65 » |
| Alkoholo......... | 46 » | Kemiaĵoj,........ | 75 » | Teksaj produktoj: | |
| Malto............ | 87 » | Nutraj produktoj. | 75 » | Kotono......... | 75 » |
| Porcelano........ | 100 » | Ledo............. | 70 » | Lano........... | 80 » |
| Vitro............ | 92 » | Gantoj........... | 90 » | Juto........... | 90 » |

# La lando de nia XIII Kongreso

(EKONOMIA SKIZO)

*La Respubliko Ĉekoslovaka*, natura centro, tieldire koro de Eŭropo ne sole laŭ vidpunkto de fervoja kaj rivera transportoj sed ankaŭ pro siaj gravecoj ekonomia kaj politika devas esti komparata al Belgujo rilate la abundan riĉecon de sia tero kaj minoj kaj rilate la forton, kiun havigas al ĉiu lando ĝia plena profitigo.

Jen konstato, kiu evidentiĝas post trastudo de statistika materialo; jen faktoj, kiuj baziĝas sur la viviga laboremo ŝuldata al la morala forto de la ĉekoslovaka nacio, sur ĝia progresema aktiveco kaj kuraĝo.

Tiel klariĝas, ke en la antikva Aŭstrio 42 km de vojoj korespondis al 100 km kvadrataj, kontraŭ 69 km en la Resp. Ĉekoslovaka. En relativa komparo al Eŭropo ĝia fervojo (13.400 km) metas la Respublikon sur la kvaran lokon, ĝia nombro de poŝtaj oficejoj (5.000 kun 45.000 personoj) sur la trian, kaj la longeco de telefonaj-telegrafaj linioj (kun sep senfadenaj stacioj) sur la kvaran lokon.

Ĝi okupas la unuan (superante per 50 % Germanujon) en la sukerindustrio, produktante sur ĉiu hektaro 1270 kg (kontraŭ 658 kg en Germanujo). De la sama surfaco la Respubliko gajnas 1'3 hl. de alkoholo (Germanujo 1 hl.).

La Ĉekoslovaka Respubliko viciĝas en la ĝenerala produktemo preskaŭ en ĉiu branĉo apud la grandaj ŝtatoj, kvankam, rilate la areon, ĝi estas la dekdua inter ili. En la tutmonda sukerindustrio ĝi liveras 7 % (de la tuta kvanto de sukero el beto kaj kano), 15 % (de la beta). Graveco de ĝia agrikulturo evidentiĝas pli klare ankoraŭ, kiam oni komparas la diagramojn indikantajn la produktadon rilate al ĉiu loĝanto. Laŭ tiu vidpunkto ĝi okupas pli bonan lokon, ol estas tiu, sur kiun la nombro de loĝantoj ĝin stariĝas (la oka). Multaj produktoj ne sole sufiĉas por la enlanda bezono, sed povas esti eĉ eksportataj (hordeo, terpomoj, fruktoj, aveno, lupolo, ligno, sukero, alkoholo, biero, malto.)

La sumo de importo kaj eksporto de la ĉekoslovaka industrio (imp.: 1.012 milionoj da Kronoj ĉs., kontraŭ eksp.: 2.697 milionoj da K. ĉs.) preskaŭ egalis la statistikon belgan. Sole Usono, Francujo, Rusujo kaj Britujo havis eksporton pli grandan, ol importon, Eksporto de la Respubliko estis pli granda ol la tuta eksporto de la antikva monarkio Austrio-Hungario, kies ceteraj landoj ĝin formitaj estis ĝiaj ĉefaj klientoj.

La arbaroj, okupantaj 32 % de la Respubliko (pli ol 4 milionoj da ha), estas riĉa fonto de enspezoj, vicigante la respublikon sur la sesan lokon inter la plej riĉaj ŝtatoj.

Tutmonda famo akompanas la vitro-industrion, kies produktoj estas bone konataj sub la nomo «bohema vitro».

Porcelano, fajenco, ĥemia industrio, leda industrio same kiel tiu de metaloj, de agrikulturo, ligno, nutrajoj, la teksa kaj de la agrikulturaj maŝinoj, unu superas la alian en la evoluo, helpataj per financa organizajo, kies kelkaj bankoj apartenas inter la plej gravajn en la mondo.

Multe da produktoj, kiujn la mondo konis antaŭ la milito sub la nomo «Made in Austria», devenas el la Respubliko Ĉekoslovaka.

*La hispana ambasadoro en Praha*, S-ro Pedro Sebastián de Erice, kiu juĝas la internacian rolon de la Respubliko Ĉekoslovaka laŭ propraj spertoj, diras, ke li havas blindan fidon je ĝia ekonomia estonteco. «La ĉeka nacio estas tre laborema kaj krom tio posedas tre prosperantan industrion, kiu reprezentas 80 % de la industrio ekzistinta en la eksmonarkio Austria-Hungara. Al tio oni devas aldoni la riĉecon de la lando, en kiu estas multe da arbaroj, cerealoj kaj sukerbeto, kiu estas la ĉefa riĉajo de la loĝantaro, ĉar la eksportado de sukero, la «blanka oro» de Ĉekoslovakio, plej multe helpos la pliboniĝon de la mon-kurzo.

La subtero estas ankaŭ tre riĉa, entenante multenombrajn karbominejojn kaj se al

ĉio ni aldonas la privilegiitan situacion geografian en la Centra Eŭropo, ĝiajn mirindajn komunikajojn per fervojo kaj riveroj (Vltava kaj Elbo) kaj la konvencion, laŭ kiu la havenoj en Hamburg kaj Triest povas esti uzataj de tiu ĉi ŝtato por ke ĝi eksportu sian riĉajon, vi facile komprenos mian optimismon, se mi kredas, ke la valoro de la mono (1 peseto=proksimune 11 kronoj) en nelonga tempo povos pliboniĝi, kaj se mi krom tio esperas, ke la komercaj rilatoj inter Hispanujo kaj Ĉekoslovakujo fariĝados ĉiam pli intensaj.»

*E. K.*—Praha.



# Kelkaj rimarkoj pri Ĉekoslovakio

Praha, elektita kiel sidejo de la proksima kongreso, estas ĉefurbo de la Ĉekoslovaka Respubliko, unu el la renaskiĝintaj ŝtatoj sur la teritorio de la eks-imperio Aŭstrio-Hungario. La loĝantaro de Praha preskaŭ duobliĝis dum la lastaj du jaroj (nun unu miliono). La plej granda parto de tiu ĉi lando estas loĝata de Ĉekoslovakoj: krom ili vivas tie Germanoj, Magiaroj, Poloj kaj Rutenoj. La Ĉekoslovakoj estas Slavoj, same kiel ekz. la Poloj, Rusoj, Bulgaroj, Serboj ktp. La Slovakoj loĝas en la orienta parto de la respubliko; ilia lingvo estas pli simila al la ĉeka, ol ekzemple la galicia dialekto al la kastila. Sekve de tio la Ĉeko kaj la Slovako komprenas unu la alian sen malfacilajoj kaj la Slovakoj uzas sian lingvon, direktiĝante al la centraj ŝtataj oficejoj ĉekaj

Nia nacio havas sian malnovan historion; ĝi suferis multe precipe post la batalo sur «Blanka Monto» (1620) (apud Praha), kiam ĝi estis subjugita de la Habsburgaj imperiestroj, sub kies sceptro ĝi estis tenata dum tri jarcentoj.

Inter la plej famaj eminentuloj ĉekaj mi nomu Magistron Johanon Hus, rektoron de la bohema Universitato en Praha kaj la grandan reformatoron de moroj, kiu ne ĉesis predikadi, ke oni imitu la vivon de Kristo. Li estis de la papo deklarita «herezulo» kaj en la jaro 1415 vive bruligita en Konstanz. Ne malpli glora estis la vivo kaj agado de Komensky (Comenius), mortinta antaŭ 250 jaroj de Amsterdam; tiu ĉi eminenta pedagogo devis forlasi sian patrujon, kaj kun li 35.000 ĉekaj familioj post la fatala batalo sur la «Blanka Monto», kiam la nekatolikoj estis de Habsburgoj persekutataj.

La naturbelajoj de Ĉekoslovakio meritas esti viditaj: ĝardenoj kaj ombroplenaj arbaroj, montoj kun pentrindaj perspektivoj, riveroj serpentiĝantaj inter kampoj, subteraj grotoj kun fantaziaj stalaktitoj en proksimeco de profundega abismo «Macoĥa» (135 m.) kaj rokaro simila al Montserrat faras la landon centro de turista movado.

La ĉefurbo Praha, vera juvelo inter la urboj pro sia belega situacio sur sep montetoj, ne estas forgesata de tiu, kiu foje ĝin vidis: Arĝenta rubando de larĝa rivero Vltava kun kelke da verdaj insuloj kaj vico da pontoj estas la plej bela diademo por la antikva kastelo Hradĉany, iama sidejo de la bohemaj reĝoj kaj freŝdate koro de administra vivo de la reliberigita lando. Antikvaj palacoj, melankoliaj preĝejoj, pentrinde turornamitaj domoj en mezepoka stilo kaj zigzagaj stratoj en la antikva, historie valora kvartalo kontrastas kun larĝaj avenuoj, parkoj, modernaj palacoj, muzeoj kaj rektoliniaj stratoj en la novaj, plenaj je vivo, bruo kaj movado.

Ekskurso en iun ajn urbon vidigas al turisto multloke la kolorabundan nacian kostumon, la brodajojn, la popolan arton kaj li povas ĝui kelkajn el la senfina kvanto da naciaj kantoj. Mi ne forgesu diri, ke la kanto kaj la muziko estas de nia nacio tiom ŝatataj, kiom iu ajn alia arto kaj ke la procento de muzikistoj estas tre rimarkinda.

Ne estas eble ne aludi la famajn gimnastojn «Sokol», kies societoj, gvidataj de la devizo «Animo sana en koro sana» zorgas pri korpa kaj morala edukado de siaj membroj.

Ilia lasta festo en Praha (1920) kunigis antaŭ 150,000 rigardantoj pli ol 27.000 ekzercantaj gimnastojn. La malofta spektaklo allogis gastojn eĉ el malproksimaj landoj.

La XIII kongreso donos al multe de samideanoj okazon vidi nian landon. Ili estu kore bonvenataj! Profitu jam nun la favoran kurzon de la peseto por aĉeti la ĉekoslovakajn kronojn! Estas rekomendinde, ke vi sendu la pesetojn al la banko «Bohemia» en Parizo (11, bis, rue Volney), kiu malfermos por vi konton en kronoj tenotaj je via dispono ĝis la dato de via elveturo. Ni Ĉekoj laboras jam, por ke niaj karaj gastoj estu kontentaj inter ni.—Sendu vian aliĝon al S-ro Augustin Pitlik, ĝen. sekretario de la Loka Kongresa Komitato, Praha III. Nerudova ul. 40.

*Por* HISPANA ESPERANTISTO *skribis Ant. Janalíková, Bystrice-Hostyn, Ĉekoslovakujo.*

# DUDKEILO [(1)]

Sukcesplene antaŭeniras laborpreparoj por la II.ª Kongreso de Iberaj Esperantistoj en Zaragozo, de la 26.ª ĝis la 29.ª de la proksima Majo. Dum ĝi estos kunveno de Delegitoj de U. E. A. kaj okazos, preskaŭ certe, I.ª Kongreso de Hispanaj Katolikoj, kiu eble ampleksiĝos je Iberaj Katolikoj. Okaze de Dudkeilo oni povos aranĝi apartajn kunvenetojn. Ni devas aligi Societojn, Urbestrarojn, k. c., k. c., krom nia aliĝo, ĉar se ni nin sentas veraj Esperantistoj, se ni estas konvinkitaj soldatoj de la Armeo de la Paco kaj Amo fondita de nia kara Majstro, nepre ni devas helpi per ĉiaj rimedoj laboron de niaj kamaradoj de Zaragozo.

Barcelonaj Kamaradoj entuziasme kunlaboradas, kaj tre efike pro la sperto, kiun li akiris aranĝinte Udkeilon, kaj en Barcelono estos du propagandaj Komitatoj: unu por la Esperantistoj kaj alia por Neesperantistoj. La unua konsistas el Prezidantoj de ĉiuj katalunaj Grupoj; la dua, el plej gravaj Aragonanoj loĝantaj en Barcelono kun D-ro Martínez Vargas kiel Prezidanto.

Baldaŭ cirkuleroj kaj aliĝiloj alvenos al ĉiuj, kaj akcelu kiel eble plej aliĝi, ĉar tiamaniere entuziasmo multiplikos laboron de la organizantoj kaj sukceso estos certa. Antaŭen, ni kuniĝu frate sub la verda flago en la senmorta Zaragozo!

(1) Dua Diskuta Kunveno de Esperantistoj de Iberaj Landoj.



# TRA LA MONDO

## PRI ĈIUTAGA LABORTEMPO

Je la deka de Januaro de 1559, la Parlamento de Dole (ĉefurbo de la Franca Graflando, regiono tiam apartenanta el Hispanujo) ricevis edikton de la reĝo Filipo II de Hispanujo pri la laboro en la minejoj kaj jen la reguloj de la edikto:

«1.ª Mi ordonas kaj postulas, ke la laboristo de la minejoj nur laboru dum ok horoj

ĉiu-tage, kvar dum mateno, kaj aliaj kvar dum la nokto.

»2.ª Se la laboro komencita postulus akcelon, la laboro por ĉiu laboristo estos farota de *kvar* laboristoj dum dudekvar sinsekvaj horoj, po ses horoj por ĉiu el ili. Ĉiu laboristo, fininte la laboron, donos la laborilojn al alia kamarado, kaj tiel li havos dekok horojn por ripozi.

»3.ª La ministoj estos pagotaj ĉu laŭ interkonsento kun la mastroj de la minejoj, aŭ laŭ la laboro farita de ili, laŭ deziro de la laboristo.

»4.ª Mi ordonas kaj postulas, ke oni pagu la salajron al la laboristoj kvankam ili ne estis laborintaj dum festotagoj okazintaj, krom dimanĉo, dum semajno.»

Sed Filipo II, kies teritorioj ĉiam estis vidantaj la sunon, ne estis la unua elpensinto la tri okojn famajn de la angloj, ĉar sufiĉe pli antaŭe en la kamparo de Zaragozo la terkulturistoj laboris nur ok devigajn horojn.



## PRESITAJ SENFADENAJ TELEGRAMOJ

En la Reĝa Societo de Artoj de Londono, S-ro Allan Campbell Swinton ĵus sciigis pri nova procedo, elpensita de li, por telegrafi aŭtomate kaj senfadene literojn, kaj ke la ricevanta aparato aperigu telegramon presitan sur la paperrubando; tiamaniere oni ŝparos multe da tempo.



## NEFIKSAJ DOMOJ

Franca inĝeniero, S-ro Lafeuille, montris al Parizanoj tra la urbo domon, kiun li elpensis. La domo havas radojn kaj aŭtomobilo ĝin trenis. Multaj personoj vizitis la domon por sin konvinki pri ĝia efiko. Ĝi konsistas el du etaĝoj, teretaĝo kaj ĉefetaĝo: en la unua estas manĝo-ĉambro kaj kuirejo; en la dua, dormejoj, fumejo kaj bibliotekejo. Centre estas la ŝtuparo. Ĝi prezentas simplan kaj praktikan meblaron. Ĉi tiu domo estas alta je 15 piedoj, kaj per speciala aranĝo, la ĉefetaĝon oni povas glitigi en la teretaĝo kaj tial oni povas malpligrandigi la altecon. Facile oni komprenos la gravecon de la elpensitaĵo per decido de la franca ministro de la ruinigitaj Regionoj, kiu decidis akiri grandan nombron da tiaj domoj, kaj per la facileco ĝin treni kaj malplialtigi.



## KONTRAŬ NEKREDEMA DOKTORO

Ĵus, Doktoro Wagner Jauregg, fama sciencisto, faris konferencojn en diversaj lokoj de la aŭstria ĉefurbo, pretendante pruvi ne esti eble devigi personon al krimo per sugestio. Kontraŭstaris tiujn argumentojn hipnotigisto Walter Senn per mala tezo kun fundamentoj sendubaj. Neniu konvinkis la alian, kaj silento fariĝis dum kelkaj tagoj; subite, tagon, disvastiĝis novaĵo: «dekokjara junulino, Mia Osta, atencis kontraŭ la Doktoro per pistolo». Oni kaptis Mia Osta'n, kaj oni kondukis ŝin al hospitalo kie, post kelke da tempo, la junulino, vekiĝinte de hipnota dormo, deklaris sian nomon kaj loĝejon, Walter Senn hipnotigis la junulinon, donis al ŝi pistolon kaj ordonis al ŝi mortigi Doktoron Wagner per la pistolo kaj revekiĝi post la atenco je difinita horo; la hipnotigisto antaŭe estis demetinta de la kartoĉoj la kuglojn, ĉar li celis per la atenco pruvi al la Doktoro lian malpravecon.



## KANALTUBO POR PETROLO

Oni studas projekton por provizi petrolon al Eŭropo, same kiel oni faras pri vino, oleo, k. t. p., de industriaj regionoj al gravaj komercaj centroj, per kanaltubo; sed tiu por la petrolo tra la Oceano devos esti speciala tubo, fleksebla, kiun elpensis S-ro Murphi: ĝi konsistas el ŝtalaj tabuloj arangitaj spirale kaj kovritaj per amianto kaj in-

terne de alia metaltubo kapabla resisti interne eksteren 140 atmosferojn, kaj eksterinternen 700 atmosferojn. Ĉi tiu interna tubo havas helicajn fendetojn kiel la kanonoj, kies rolo estas fluigi la petrolon kiel kuglegon tra kanono, kaj por tion atingi oni aldonas 10 partojn da akvo al 100 partoj da petrolo. Pumpo jetas la miksaĵon en la tubon, kaj la miksaĵo ekfluadas rotacie, sed, pro malsama denseco de la petrolo kaj de la akvo, ĉi tiu rotacias supraĵe de la fluida kolono tuŝante la internan supraĵon de la tubo pro centrifuga forto, kaj tiel evitas la grandan reziston de la petrolo pro ĝia viskozeco. Oni fabrikos la tubon sur la ŝipoj de kiuj oni jetos ĝin en la maro.



## SINTEZO DE LA AMONIAKO

La grandaj fabrikoj de Badische (Germanujo), de antaŭ kelkaj jaroj, elĉerpas azoton de la aero per sistemo Haber, celante anstataŭi nitratojn de Ĉilio, kiu estas, kiel oni scias, grava nutraĵo de la plantoj. Juna franca fizikisto, S-ro George Claude, al kiu ni ŝuldas la industrion de la fluida aero, sukcesis fabriki sinteze amoniakon, en Montereau.

Per procedo de Haber, la azoto de la aero estas fiksata je formo de amoniako al hidrogeno interne de tubo kaj per premado je 250 atmosferoj. Oni opiniis, ke superaj premadoj estas danĝeraj, sed Claude pruvis, ke estas facile atingi pli superajn kaj ke tiaj premadoj estas tre fruktodonaj. La aero fluidiĝas, kaj oni apartigas la azoton per frakciiga distilado de la oksigeno («speciala distilado bazita sur la nesama volatiĝemo de substancoj, kaj kiu ebligas ilian disiĝon»). La fluidaĵo, je 200 gradoj sub nulo, ŝprucas de aparato malgranda: ĝi estas la azoto gasiiĝinta kaj miksita, laŭ konvenaj proporcioj, kun hidrogeno. Oni submetas ambaŭ gasojn je sinsekvaj premadoj 100-200 atmosferaj per ordinaraj premegiloj; poste, je premado 900 atmosfera per speciala aparato. La alta premado de ĉi tiu aparato per mesas al la elpensinto atingi fluidan amoniakon je kvanto triobla pli ol la atingita de la germanaj fabrikoj.



## ANTAŬULO DE LA «TANKO»

En la ekspozicio pri la du lastaj francaj militoj kontraŭ la Germanoj kaj pri kvindeka datreveno de la franca Respubliko, ĉeestintoj povis legi afiŝon, kies dato estas Marto de 1871, kiun subskribis Gilbert Randon, sciigante pri la movebla fortikaĵo elpensita de J. Balbi je 1865, kaj kiun oni povas konsideri la unua *tanko*. Per vaporo moviĝas la maŝino, laŭ la afiŝoj, ĝi povas iri same sur ebenaĵoj kiel sur deklivoj, povas direkti ĝin nur unu sola persono; la plafono, konusforma, povas rotacii tiel rapide, ke estas neeble aiproksimiĝi aŭ resti sur ĝi.

Diversaj cirkonstancoj malpermesis, ke la Francoj estis utiligintaj tian batalilon.



## STUDOJ PRI SUFOKANTAJ GASOJ

Ankoraŭ la popoloj praktikas, ve!, la diron «Si vis pacem, para bellum». Ĉiuj ankoraŭ timas novajn militojn. Angloj studadas atente sufokantajn gasojn same, kiel Usonanoj kaj Francoj k. c. Angloj kaj Usonanoj deziras esti la unuaj pri ĉi tio kaj faradas eksperimentojn, tamen estas dankinde, ke la angla eksperimentado kondukis al la eltrovo de gaso paralizanta soldatojn, kaj faliganta senkonscie ilin, kaj kiu nur mortigas kiam pasas kelke da tempo kaj oni ne povis ilin flegi. Estas dezirinde, ke la ĥemiistoj eltrovu gason por kaŭzi profundan sendanĝeran dormon, kaj ke, kiam milito estos eksplodiĝanta, la sciuloj dormigu amikojn kaj malamikojn dum Esperanto efike fratigos homojn.



## UTILIGO EN FRANCUJO DE LA «BLUA KARBO»

Pro nesufiĉa terkarbo por la industrio, en Francujo, la ministro de publikaj Laboroj jam decidis por utililigi la energion de la marfluoj. De la teknika vidpunkto, hodiaŭ oni povos utiligi la maran forton nur per utiligo de golfetoj kaj de artifikaj golfetoj, kun digoj, kluzoj kaj turbinoj; ankaŭ per utiligo de riveroj en ĝiaj enfluejoj. Pro la maralfluo la nivelo de la akvo altiĝas en la golfetoj kaj riveroj, kaj per digoj kaj kluzoj oni povos konservi la plialtiĝon de la akvo, kiu tra turbinoj forfluos produktante elektran energion. Baldaŭ en la golfetoj de Rotheneuf kaj Aber Benoit oni starigos la unuajn energiejojn, kaj private, oni ekspluatos ĉe la enfluejo de la rivero Rance, du golfetojn, kies niveloj estas malsamaltaj, kaj kiuj permesos senĉesan ciklon.



## ONI TELEFONOS DE SESMIL KILOMETROJ

S ro Godfrey Isaac, Direktoro de Kompanio Markoni diris al jurnalo de Londono, ke baldaŭ estos uzata ĝenerale por ĉiuj aferoj la telefono inter Eŭropo kaj Ameriko, unue inter Londono kaj New-Yorko, kaj poste inter New-Yorko kaj aliaj eŭropaj urboj. Estas vere, ke jam de kelke da tempo antaŭe, la grandaj negoculoj uzadas la telefonon inter Ameriko kaj Eŭropo, tio estas, negoculoj de New-Yorko kaj Londono kaj Parizo telefonis sin reciproke pri kaj por siaj negocoj tra 5750 kilometroj, sed ankoraŭ la publiko ne profitis la elpensitajon. S-ro Isaac diris, ke la kosto ne estos pli multe kara, ol la nunaj telegramoj tra la Oceano, kaj estos granda utilo ĉar ŝparas multe da tempo.



## LA DEVENO DE LA KISO

Laŭ Doktoro Malespine (Francujo) diras, la hiso devenas de la suĉado. La primitiva kiso estas la ago per kiu la infano suĉas el mamo de patrino la lakton por sin nutri. Kareseme la patrino, sin sentante feliĉa, imitas parte la agon de la filo, kaj karesas lin per simila movo de la lipoj. Ĉi tio fariĝis, kutimo kaj la kutino estas danĝera. Estas popoloj, kiuj ne ŝatas la kison, kaj inter ili estas Ĥinujo; Ĥino kunigas dum kelke da tempo sian nazon al vango de amato aŭ amatino, kaj dume li faras profundajn spiradojn, fermante siajn palpebrojn, kaj fine bruigas per siaj lipoj kvazaŭ li kisus sed ne kunigante la lipojn al la vango.

---

Dezirinde estas, ke tiuj, kiuj sendos maŝinskribitan originalon, bone atentu ke ĝi estu ne pli longa je du folioj (unuflanke skribita) kaj ke estu sufiĉa spaco inter la linioj.

---

# ESPERANTA MOVADO

## ENLANDA

**Barcelona.** - Pro la okazinta Unua Diskuta Kunveno de Esperantistoj de Iberaj Landoj, vekiĝis denove en Barcelono la entuziasmo por Esperanto, kaj tre ofte estas daŭrigataj la kunvenoj de Prezidantoj kaj Delegitoj de la esperantistaj societoj kaj grupoj, por pritrakti gravajn aferojn, inter kiuj, la kunlaboron al la DUDKEILO, okazonta en Zaragozo, de la 26-a ĝis la 29-a de Majo 1921.

La pasintan Oktobron okazis la malfermo de Esperantaj kursoj en la ĉefaj societoj kaj

grupoj de Barcelono. Dum la sama monato, ankaŭ estis inaŭguraciata la kurso de Esperanto, kiun, en la Barcelona Universitato, gvidas nia eminenta kaj fervora samideano, Pastro Klaŭdjo Planell; ĝi estas tre ĉeestata, kaj esperigas gravan sukceson por la kurs fino, ĉe kiu oni disdonos, post rigora ekzameno, atestoj pri kapableco kaj profesoreco de Esperanto. Ni atentigas pri la graveco de tiu ĉi afero, ĉar pro la multenombraj personoj dezirantaj lerni nian lingvon, ekzistas manko de instruantoj, kiun, laŭ eblo, oni devas forigi.

**Baracaldo.**—La 15-an de Decembro kuniĝis same, kiel pasintaj jaroj, gesamideanoj de Baracalda Esp. Grupo por festi la datrevenon de nia glora Majstro. Santempe oni voĉdonis komitaton por 1921: Prezidanto, S-ron. Eugenio Lunate; Vicprezidanto S-ron Honorio Rodriguez; Sekretario, S-ron Modesto Pérez; Kasisto, Alejandro Vázquez; Voĉdonantoj, F-inon Leonor Valle, S-inon Benita Caspiela kaj S-ron Jesus Joldi. Ĉeestas la kurson multenombraj lernantoj novaj.





Tip. Calle de San Lucas, 5.—Madrid